19-jaro N-ro 3 (201) Majo-Junio 1933

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de Belga Ligo Esperantista*

Direktoro:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antverpeno
Telefono: 943.74

Abonpagoj kaj aliaj monsendoj al
Poŝtĉeko No 1337.67
de
BELGA LIGO ESPERANTISTA

**Konstantaj kunlaborantoj**: M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES, H. PETIAU, S-ino J. VAN DER VEKEN, M. DE KETELAERE.

## BELGA LIGO ESPERANTISTA

*Protokolo de la Komitata kunveno okazinta en Bruselo la 14an de Majo 1933.*

S-ro Schoofs, Liga prezidanto, malfermas la kunsidon je la 10h.45 kaj bonvenigas la ĉeestantaron.

*Ĉeestas: a) Gekomitatanoj:* S-ino Elworthy-Posenaer; S-roj Babilon, Schoofs kaj D-ro Van der Biest.

b) *Grupaj gedelegitoj:* Aalst: S-roj Collin, Schouppe; Antverpeno: De Ketelaere, Boffejon; Bruĝo: F-ino Thooris, S-ro Poupeye; Bruselo: F-ino Obozinski; Chênée, Lieĝo, Sclessin: S-ro Dechesne; Gento: Petiau; Ninove: Cogen; Verviers: Hérion.

TAGORDO:

1. *Situacio de la Ligo.* — S-ro Jaumotte, Kasisto, malhelpite, la prezidanto donas kelkajn detalojn pri la financa situacio, kiu estas tre kontentiga. La jaro 1932 finiĝis kun profito de ĉirkaŭ Fr. 1600,—.

S-ro Hérion, je l'nomo de sia grupo, plendas pro la neregula apero de B.E. Li faras diversajn proponojn por solvi la demandon pri la ĵurnalo. Pri tiuj rimedoj ne ĉiuj delegitoj konsentas. Post longa kaj ĝenerala diskutado la prezidanto petas, ke oni serioze studu la demandon, kiu estos denove diskutata dum la proksima komitata kunveno okazonta en Oktobro venonta; intertempe la ĵurnalo aperos regule.

*Reorganizo de la ĝenerala movado.* — S-ro Hérion plendas ĉar la statutoj de U. F. E. aperis tro malfrue por ke li povu diskuti ilin en sia grupo antaŭ la lasta komitata kunveno. Krom tio li tamen konsentas pri ĉiuj punktoj de la rezolucio alprenita en tiu kunsido. La Prezidanto respondas, ke por doni al ĉiuj la okazon plene diskuti la temon de la reorganizo oni metos tiun punkton sur la tagordon de la Generala Kunveno de la proksima kongreso.

2. *Nacia Kongreso.* — F-ino Obozinski kaj D-ro Van der Biest, respektive Sekretariino kaj Kasisto de la L.K.K., donas la necesajn klarigojn pri la kongresa programo kiu estas tre alloga. Ili faras alvokon por ke la grupestroj

kolektu la aliĝojn de siaj membroj kaj sendu ilin kiel eble plej frue al la L.K.K.

S-ino Elworthy proponas, ke oni profitu, ke la kongreso okazas en Bruselo por atentigi pri Esperanto nian Honoran Prezidanton Princon Leopold. Estas decidite prezenti al li la medalon de D-ro Zamenhof, kun speciala dediĉo.

3. *Universala Kongreso.* — S-ino Elworthy esprimas sian dubon pri la sukceso de la kongreso en Kolonjo pro la nuna politika situacio en Germanujo. S-ro Schoofs diras, ke li ĉeestos la konferencon okazonta en Genève la 20-22an de Majo. Tie li ekzamenos kun la centraj instancoj kio estos farota.

La kunveno finiĝis je la 13h.15.

---

## XXIIa BELGA KONGRESO DE ESPERANTO

### BRUSELO, 3-5 JUNIO 1933

El ĉiuj Belgaj kongresoj okazintaj de post la milithalto nia XXIIa en Bruselo, estis en ĉiuj vidpunktoj unu el la plej belaj, kuraĝigaj, utilaj kaj sukcesintaj. Kvankam preparita en la daŭro de tre mallonga tempo ĝi kunigis centon da gesamideanoj; dum ĝiaj tri tagoj ĝi ĝuis idealan veteron, varmegan ja kaj ĉielbluan dum la tago, steloplenan dum la noktoj. Ĝi havigis bonegan novaĵon pri la ĝis nun minacita internacia paca kaj unuigita Esperanto-movado kaj donis okazon por aprobi nove starigitan pacplanon; krome, tiu nia UNUA kongreso en Bruselo mem ĝuis je bonega kaj afabla akcepto oficiala de l'urba estraro. Kion do ni povus deziri plie krom ĉio tio?

SABATON LA 3an DE JUNIO.

Je la 21a en la granda unuaetaĝa salono de « La Sako » S-ro Schoofs malfermis la libertagordan kunvenon al kiu ĉeestis multaj geamikoj kaj tuj li raportis pri la decido prenita en la « Konferenco pri unuecigo de la Esperanta-movado » okazinta en Genève la 20-22 de majo 1933. Li raportis pri la diversaj kunvenoj kiuj okazis dum tri tagoj kaj kiuj kondukis al la starigo de plano, kiu nun estas prezentita al la Komitato de UEA kaj al la landaj societoj esperantistaj sub la nomo « Interkonsento de Genevo 1933 » kaj laŭ kiu UEA, kun kelkaj ŝanĝoj en siaj statutoj, estos centra kaj direktanta organismo de l'Movado. Li tiam legas la dokumenton, kiu tekstas jene :

*Konferenco pri la unuecigo de la Esperanto-Movado*
*20-22 de Majo 1933 en Genevo.*

INTERKONSENTO DE GENEVO 1933.

La subskribintoj :

1. — S-ro Ed. Stettler, prezidanto de Universala Esperanto-Asocio,
2. — S-ro Frans Schoofs, sekretario-kasisto de Konstanta Reprezentantaro de la naciaj societoj kaj reprezentanto de Belga Ligo Esperantista,
3. — S-ro C. C. Goldsmith, reprezentanto de la Brita Esperantista Asocio kaj de la Brazila Ligo Esperantista,

4. — S-ro René Dubois, reprezentanto de la Franca Societo por la Propagando de Esperanto, de la Hispana Esperanto-Asocio kaj de la Kataluna Esperantista Federacio,

5. — S-ro Robert Kreuz, reprezentanto de la Centra Dana Esperantista Ligo kaj delegito de la Itala Esperantista Federacio,

6. — S-ro Hugo Steiner, reprezentanto de la Aŭstria Esperanto-Asocio.

kunvenintaj en Ĝenevo, la 22an de Majo 1933 por prepari la vojon al interkonsento pri internacia organizo, starigis la jenan planon :

I. — Universala Esperanto-Asocio estas la tutmonda organizaĵo Esperantista, reprezentanta la Esperanto-movadon kaj organizanta la universalajn kongresojn.

II. — La landaj Esperanto-societoj, laŭ difino akceptita en K.R., povas aliĝi al U.E.A. per interkonsento, reciproke revokebla ĉiutrijare, laŭ jenaj ĝeneralaj principoj :

a) ili pagos al U.E.A. jarkotizon de sv. Fr. 0,50 por ĉiu el siaj membroj regulaj ;

b) la membroj de tiuj societoj fariĝas per tio simplaj membroj de U.E.A. ; ili rajtas ricevi la internacian membrokarton kaj uzi la servojn de la delegitoj pri vojaĝ-helpo kaj informpetado ;

c) la landaj societoj klopodas varbi kiom eble plej multe da aktivaj membroj de U.E.A. Aktivaj membroj estas membroj senpere aliĝintaj aŭ varbitaj de landaj societoj, kiuj pagas la laŭstatutan kotizon por ricevi la jarlibron, gazeton, k.t.p. (t. e. la ĝisnunaj M., MA., M.S.)

III. — La landaj societoj prenas sur sin la administradon de la membroj en sia lando, sub la gvidado de ĉefdelegito, nomita de U.E.A., interkonsente kun la landa societo.

IV. — La landaj societoj partoprenas per sia estraro aŭ per siaj grupoj en la elekto de la lokaj delegitoj.

V. — En landoj, kies societo aliĝis kiel membro-societo, la kotizo de U.E.A. por aktivaj membroj, ne-apartenantaj al la landa societo, estas por ĉiu kategorio almenaŭ same alta kiel la kotizoj, kiujn la landa societo fiksis por siaj membroj el ĉiu kategorio. Tamen la ĝisnunaj membroj de U.E.A. povas resti membroj laŭ la ĝisnunaj kondiĉoj.

VI. — La landaj membro-societoj kun minimume 100 membroj ĝis 1000 elektas 1 membron en la Komitaton de U.E.A. kaj plian por ĉiu komencanta milo da membroj. En tiuj landoj U.E.A. ne plu elektos komitatanon pere de la delegitoj.

VII. — Kun la landaj societoj, ne-aliĝintaj al U.E.A. kiel membro-societo, kun fakaj societoj kaj institucioj, U.E.A. povas fari kontrakton pri favoraj kondiĉoj (art. 14 de la statuto de UEA), aŭ tiuj organizaĵoj povas simple sin enskribi ĉe U.E.A. kiel partoprenantoj en la ĝenerala Esperanto-movado, kontraŭ fiksita jar-pago.

VIII. — Okaze de ĉiu Universala Kongreso de Esperanto kunsidas « Konsilantaro de la Esperanto-movado ». Ĝi konsistas el : la Komitatanoj de U.E.A., la ĉefdelegitoj aŭ iliaj reprezentantoj, la honoraj kaj dumvivaj membroj, la patronoj, kaj la reprezentantoj de la organizaĵoj registritaj ĉe U.E.A. laŭ artikolo VII ĉi-supra. Tiu Konsilantaro esploras la jar-raportojn pri la stato de la

movado, konsideras proponojn pri disvastigo kaj utiligo de la lingvo kaj starigas programon de laboroj kune entreprenotaj. Ĝi decidas per plimulto de la ĉeestantoj en formo de dezir-esprimoj, kiujn ĝi transdonas al la Komitato de U. E. A.

IX. — La ĝisnuna kongresa regularo daŭras validi. La kongresa licencpago iras al U.E.A.

X. — Post sia likvido, I.C.K. kaj K.R. transdonos al U.E.A. siajn havaĵojn kaj dokumentojn. La Estraro de U.E.A. fiksos la novajn devojn de la ĝisnunaj direktoroj kaj oficistoj de I.C.K. kaj de U.E.A.

XI. — U.E.A. estas petata, submeti la nunan proponon al siaj komitatanoj, kaj K.R. al la landaj societoj.

XII. — La nova aranĝo ekfunkcios tuj, post kiam la komitato de U.E.A. kaj 12 landaj asocioj ĝin akceptis.

Subskribis: Ed. Stettler, Frans Schoofs, Cecil C. Goldsmith, R. Dubois, Rubert Kreuz, Hugo Steiner.

S-ro Schoofs rimarkigas ke tiu plano realigas plene la deziresprimon de Belga Ligo Esperantista, faritan antaŭ kelkaj monatoj. Ĉu tiu Plano estas perfekta? Eble ne, sed oni povus ja komenci laboron sur ĝia bazo. S-ro Schoofs havas grandan esperon, ke la naciaj Societoj aprobos tiun Planon kaj demandas ĉu li povos morgaŭ dum la ĝenerala Kunveno rekomendi ĝin al la Belgaj Esperantistoj.

Fine li esprimis sian kontentecon kaj sian ĝojon, ke la sorto donis al li la okazon servi al la ĝenerala movado, reunuigante la reprezentantojn de la du fluoj, kiuj naskiĝis dum, kaj kreskis post la Pariza Kongreso, kaj kiuj minacis la relativan unuecon tiom multpene starigitan antaŭ dek jaroj. Post la akcepto de la plano de Ĝenevo la gvidantoj de la Universala movado povos sin reprezenti antaŭ la tutmonda samideanaro pli unuigitajn ol iam antaŭe.

Laŭta aplaŭdado ne nur akceptis la proponon sed montris la ĝojon de la ĉeestantoj pro la bona sukceso de la Ĝeneva kunveno.

*S-ro Boffejon* petis klarigon pri la kotizo, al kio S-ro Schoofs tuj respondis detale. Tiu lasta rimarkigas ke laŭ la nova Plano la revuo Esperanto fariĝus organo de la naciaj societoj kio ne malhelpus ke la jam ekzistantaj gazetoj naciaj daŭrigu sian ekzistadon por publikigi pli detalajn sciigojn pri la nacia kaj loka movado.

*S-ro Vander Biest* gratulas S-ron Schoofs kiu ludis gravan rolon en la starigo de l' Unueciga Plano kaj multe klopodis por atingi tiun sukceson. La ĉeestantaro kore aliĝis je tiu manifestacio per longedaŭra kaj entuziasma aplaŭdado.

Nun komencis la « libera diskutado ». Post mallonga komunikado de S-ro Van der Biest pri la morgaŭaj fotografadoj, kaj de S-ro Hart pri la ekskurso de lundo, la kunveno esploris kelkajn ideojn « praktikajn » por laborigi la lokajn grupojn kaj interesigi iliajn membrojn al ilia vivo.

*S-ro Schoofs* komunikas unuan rimedon jam pratikatan en la Brusela kaj Antverpena grupoj: la « parolata gazeto » konsistanta el tio ke por ĉiu kunveno iu el la membroj estas petata fari parolan raporton pri ĉio kion li legis dum la semajno en la gazetoj. Tio naskas ĝeneralan interbabiladon tre favoran por la buŝa uzado de Esperanto.

De *S-roj Schoofs kaj Petiau* estas prezentita dua bona ideo: vendo de

kuponetoj « Por la propagando de Esperanto », valorantaj unu frankon; tiu vendo kaj revendo favoras la grupan kason kaj la propagandon.

*S-ro Van der Biest* konigas trian rimedon: montri por ĉiu grupa kunveno « gvidanton » kiu prezidas la kunsidon.

*F-ino Thooris* rimarkigas ke tiu rimedo estas jam uzata en la Bruĝa grupo por la diversobjektaj kunvenoj de tiu grupo kaj ĝi tre favore influas sur la intereso al la grupa agado.

*S-ro Bas* fine proponas kvaran rimedon kiu utilus la propagandon de Esperanto samtempe ĉe la senlaboruloj kaj ĉe la naciaj aŭtoritatuloj: Belga Ligo « oferus » sian helpon al la Ministro de l' Sciencoj por organizi kursojn de Esperanto al la senlaboruloj. Nia Ligo havigus la profesorojn kaj la lernolibretojn: la aŭtoritatuloj estus mem sciigintaj la publikon pri la kursoj de Esperanto kaj jen la propaganda utileco de l' afero!

*F-ino De Waart* el Hilversum, oficiala profesorino de Esperanto, donas kelkajn klarigojn pri tiaj kursoj kiujn ŝi gvidis en sia lando kaj kiuj bone sukcesis; eĉ unu el ŝiaj lernantoj volas perfektiĝi kaj siavice akiri la diplomon de Esperanto-profesoro.

Tre interesa do eĉ grava estis tiu unua kunveno kiu estis fermita je la 23a post la kantado de « La Espero ».

Kelkaj gesamideanoj iris tiam « finigi » la vesperon en « Malnova Belgujo » kie ili ĝuis dum horeto la belan muzikon kaj ankaŭ la akrobataĵojn de S-ro Max Alexis kaj lia orĥestro.

## DIMANĈON, LA 4an DE JUNIO.

Je la 8a h. multaj gekongresanoj kunvenis en la kapelo de l'Instituto St Louis por ĉeesti la Katolikan Diservon dum kiu nia estimata samideano, Lia Pastra Moŝto De Cort, faris rimarkindan predikon en nia lingvo. Oni admiris ne nur la altecon de l' esprimitaj ideoj sed ankaŭ la tre fluan, harmonian formon uzitan de l' Predikinto.

De tie ĉiuj gepartoprenantoj iris « kvazaŭ »-sekvantare ĝis la Tombo de l' Nekonata Soldato. Vojire la plej juna krongresano, Sinjoreto L. Schoofs havis la honoron porti belegan florgarbon kiun lia patro, ĉirkaŭita de l' Ligestraro kaj de ĉiuj gekongresanoj demetis respekte sur la Tombo glora kiun ĉiuj post momento da silento, rondiris pensante: « Por ke tio ne plu okazu ». Aro da fotografistoj ĵurnalaj kvazaŭ pafatakis nin kaj tio estos por Esperanto profita kaj... senpaga reklamo en diversaj gazetoj Bruselaj.

De la Kongreskolono nia sekvantaro direktiĝis al la urbdomo en kies granda Akceptejo nia vere imponanta anaro faris impreson. F-ino Jennen, prezidantino de la Brusela kaj organiza Grupo nin prezentis al S-ro Skabeno Wauwermans. Tiu ĉi akceptis nin per parolado tre bone pensita kaj esprimita. Nia Liga kaj Kongresa prezidanto S-ro Schoofs respondis.

Ambaŭ Skabeno kaj prezidanto estis laŭte aplaŭditaj. Vizito al la belega urbdomo ne estis ebla, bedaŭrinde, pro la festtago.

Kaj nun ni eniris la duaetaĝan salonegon de la proksima kafejo « La Cigno » por ĉeesti la Generalan Kunvenon de Belga Ligo Esperantista.

S-ro Prezidanto Schoofs bonvendeziris al ĉiuj ĉeestantoj kaj speciale al la ne-belgaj geamikoj, nome al F-ino De Waart, el Hilversum, al Gesinjoroj

Humez, el Douai, kaj al Sinjorino kaj Fraŭlino Bonheure el Roubaix (kora aplaŭdado). Li dankis la organizan Komitaton pro ĝiaj klopodoj, kaj sciigas ke la Grupo « Verda Stelo » el Boulogne-sur-Mer, aliĝis al nia kongreso per sendo de kotizaĵo sed ne povis sendi delegiton. Tiam la prezidanto petis S-ron Petiau, Ligan Sekretarion, laŭtlegi sian jaran raporton. Jen ĝi estas:

Estimataj Geliganoj!

La agado dum la jaro 1932, malgraŭ la krizo, estas sufiĉe kontentiga. Du novaj grupoj aliĝis al la Ligo: el Quiévrain kaj Schelebelle. Ni deziras al tiuj novaj societoj plej koran bonvenon en nian rondon, longan kaj sukcesplenan vivadon!

La diversaj grupoj daŭrigis sian kutiman propagandan laboron organizante paroladojn ,kursojn, festojn, ekskursojn, k.t.p. « La Verda Stelo » el Antverpeno, la grupoj el Bruĝo kaj Bruselo daŭre estas la ĉefaj subtenantoj de la Ligo, havigante al ĝi multajn membrojn. Specialajn gratulojn meritas la « Societo Lieĝa por la Propagando de Esperanto » pro ĝia bonega laboro kaj helpo. Tiu agema sŏcieto modele kaj praktike laboras sub la lerta gvidado de sia Generala Sekretario S-ro Duchesne, al kiu ni esprimas nian plej koran dankon.

Siaflanke, la Ligestraro sin okupis pri la ĝenerala propagando. Ĝi devis ankaŭ sin okupi pri la grava problemo de la reorganizado de nia movado. Ni esperu, ke tiu demando baldaŭ solviĝos kiel eble plej kontentige por ĉiuj!

Malgraŭ nia insisto, ni ne sukcesis decidigi la nacian Radio-Societon reorganizi la esperantajn Radio-kursojn. Estas tre bedaŭrinde, sed ni ne malesperas fine sukcesi kaj ni daŭrigos niajn klopodojn ĉar la Radio-kursoj estas unu el la plej taŭgaj rimedoj por disvastigi nian lingvon.

« Belga Esperanto-Instituto » senbrue sed senĉese daŭrigis sian praktikan kaj utilan laboron eldonante novajn librojn kaj ĉiuspecajn esperantaĵojn. Por doni ideon pri la graveco ĉiam pli grandiĝanta de nia nacia Instituto ni diru, ke la ĝis nun subskribita kapitalo estas Fr. 157.500, el kiuj Fr. 105.000 estas pagitaj. Pripensu tiujn ciferojn kaj konkludu! Kiam oni konsideras tian rezultaton, ĉu oni povas ankoraŭ dubi pri la vivpovo de nia movado en Belgujo? Ĉu, kontraŭe, ni ne rajtas fidi la estontecon kaj esperi, ke baldaŭ ni sukcesos starigi nian aferon sur tiel firman bazon, ke ĝi ne plu estos detruebla? Por atingi tiun rezultaton ĉiu esperantisto devas kunhelpi al la komuna celo varbante senĉese novaj adeptojn. Pli ol iam ni devas racie organizi nian laboran ĉar la publiko fariĝas pli kaj pli indiferenta. Tiu indiferenteco estas nia plej granda malamiko, ni nepre devas ĝin almiliti! Estos la tasko de la Liga Komitato kaj de la grupoj esplori la taŭgajn rimedojn alprenotajn por sukcesigi nian estontan agadon. Jen interesa temo por niaj grupaj kunvenoj!

Antaŭ ol fini mian raporton mi invitas vin memori la pasintan kongreson en Antverpeno, kie ni ĝuis plej agrablan restadon dank'al la bona laboro de la organizintoj, kiuj tiel altgrade sukcesis krei entuziasman atmosferon dum la tuta daŭro de la kongreso. Mi estu via interpretanto por ilin gratuli kaj elkore danki!

Nun niaj Bruselaj amikoj akceptas nin. Kvankam en tre malfacilaj cirkonstancoj ili kuraĝe akceptis organizi nian nunjaran feston, ni estu al ili tiom pli

dankemaj! Estas por mi agrabla tasko tutspeciale danki F-inojn Jennen kaj Obozinski; S-rojn D-ro Van der Biest kaj Castel, kiuj prenis sur sin la tutan organizadon. Ke la kontentigo de ni ĉiuj pro ilia afabla akcepto estu ilia meritita rekompenco!

Kaj al vi karaj gekongresanoj, kiuj, malgraŭ la krizo, ne hezitis veni pasigi du tagojn en nia nunjara Esperantujo, mi deziras plej agrablan restadon. Ke via ĉeesto inter ni donu al vi novajn fortojn, novan kuraĝon por daŭrigi nian pacan bataladon ĝis la fina sukceso de nia bela idealo!

Vivu Esperanto!

*S-ro Jaumotte* tiam prezentis la raporton pri la kaso.

Nia kasisto insistis sur la fakto, ke post jaro, kiu lasis al ni iom gravan deficiton, la jaro 1932 montras ke ni ree iras la bonan vojon. Ne nur la ekvilibrigo de la en- kaj elspezoj estis realigata, sed la fina saldo por la pasinta jaro lasis al ni profiton de ĉirkaŭ 1.500 frankoj.

Se tiu profito ne permesis jam entute malaperigi la deficiton de la antaŭ jaro, ĝi tamen refirmigis niajn rezervojn. Tio estis nur ebla dank'al severa mastrumado.

La jaro 1933 estos same favora nur se ĉiuj Belgaj Esperantistoj faras sian devon. Se unuflanke la izolaj membroj regule kaj akurate repagas kaj instigas amikojn aliĝi, kaj se aliflanke ĉiuj grupoj, malgraŭ la krizaj malfacilajoj, daŭrigas siajn klopodojn por varbi novajn Esperantistojn, novajn membrojn de la belga movado.

Li faris alvokon por ke dum la kongreso oni ankaŭ memoru Panjon la Kason. Monkolekto, kiu estis daŭrigata dum la lunda ekskurso, havigis al la Liga Kaso iom pli ol 500 frankoj.

Ambaŭ tiuj raportoj estis aprobitaj. Oni insistas por ke ĉiuj grupoj pagu akurate sian kotizaĵon kiun la Ligo nepre bezonas por sia propaganda tasko.

*S-ro Schoofs* laŭtlegis la jenajn alvenintajn leterojn. De Gesinjoroj Boone el Wattrelos (pagintaj kotizaĵon, sed malhelpataj vojaĝi Belgujon), de la grupo el Dunkerque-Malo, de Teka, de l' Lieĝa grupo, de S-ro Duchochois el Boulogne, unu el la organizintoj de l' unua Kongreso universala de Esperanto (kun sendo de kotizaĵo), de S-ino Staes (malhelpata veni pro akcidento okazinta al ŝia kruro), de S-ro Champy (trafita de lastatempa funebro), kaj de S-ro J. Desonay, el Spa.

*S-ro Schoofs* komunikas ke okaze de nia Kongreso en Bruselo ni donacis al nia honora Prezidanto, Princo Leopoldo, la belan medalon « Zamenhof », verko de S-ro Rik Sauter. La Princo tre aminde respondis danke kaj tiu respondo estas aplaŭdata.

La Prezidanto proponas kaj la kunveno akceptas ke, kiel kutime, ni sendos telegramon al la Princo kaj ankaŭ al nia Prezidanto pro honoro, S-ro Witteryck.

*S-ro Schoofs* altiras la simpatian atenton sur la Federacia Kongreso — estos kvazaŭ internacia kongreseto — kiu okazos la 1an kaj 2an de julio proksima en Dunkerque kaj instigas al multnombra aliĝo: oni sin turnu nun al S-ro Humez, kaj poste al S-ro Benoit el Oost-Duinkerke.

Poste oni priparolis mallonge la Kolonjan kongreson. Ĉu ĝi okazos, ĉu ne? Ĉu oni povos ĉeesti ĝin, ĉu ne?... Tio restis iom mistera. Precize pro tio la

kunsidantoj opinias ke ne estas eble organizi nek antaŭ- nek post-kongresan kunvenon en Belgujo kiel estis intencite.

Post koncerna peto de iu membro la prezidanto informas la kunvenon pri la korespondado, kiu okazis inter la prezidanto de U.E.A. kaj la L.K.K. de la 25a Kongreso, pri kiu raportis la gazeto « Esperanto » (N-ro Majo-Junio 1933) kaj el kiu rezultas, ke la kongreso okazos. Estas atendata respondo de la L.K.K. al kelkaj demandoj al ĝi farita. Laŭnecese Belga Ligo Esp. informos siajn membrojn post konigo de la respondo. Ĝi cetere ankaŭ senpere skribos al la L. K. K.

La kvina punkto de l' tagordo koncernas UEA'on.

S-ro Schoofs konstatas ke en nia lando dum la lastaj 12 monatoj, UEA nek progresis nek malprogresis: la membronombro restis ĉirkaŭ 300. Cetere posttagmeze okazos speciala kunveno de la Belgaj UEA'anoj.

Nun alvenis la momento de la plej grava parto de la kunsido: la reorganizo de l' internacia Esperanto-movado.

S-ro Schoofs, laŭ la permeso de la hieraŭa kunveno, detale klarigas la Ĝenevan Planon kaj fininte, li demandas: « Ĉu la kunveno aprobas tiun Planon, kiu realigas preskaŭ plene la deziresprimon de la komitato? ». Entuziasma aplaŭdo estis jesa respondo. Post diskuto de kelkaj detaloj, la Ĝenerala Kunveno de Belga Ligo decidas: 1e ke la demando estante urĝa, akceptas unuanime la Interkonsenton de Ĝenevo; 2e ke tiu akcepto iĝos definitiva du semajnojn post ĝia publikigo. En tiu tempspaco la grupoj povos ankoraŭ konigi siajn eventualajn rimarkojn.

Tiu duobla propono estis akceptata de la kunveno kun ĝenerala kaj unuanima entuziasmo.

*S-ino Elworthy, F-ino Thooris kaj S-ro Van der Biest* petas la kunvenon danki S-ron Schoofs, kiu estis unu el la ĉefaj verkintoj, en Genève, de la reunuiĝo de la Movado. Tondra aplaŭdado.

Sepa tagorda punkto: libera diskutado.

Laŭ propono de *S-ino Elworthy* la kongreso sendas sian simpation al ĉiuj naciaj kongresoj Esperantistoj kiuj hodiaŭ kongresas en aliaj landoj.

Nun oni momente reparolas pri la rimedoj priparolitaj hieraŭ vespere por vigligi la aktivecon de la grupoj.

*F-ino Thooris* rimarkigas ke la ideo de la kunsidaj prezidantoj devenas de la grupo de Verviers kie ĝi ne sukcesis, dum en Bruĝo ĝi bone sukcesis: tiamaniere la sama persono ne ĉiam sentas la respondecon de la kunveno, sed la komitato ĉiam ĉeestas la kunvenojn. Ŝi instigas ĉiujn grupojn provi tiun rimedon.

*S-ro Schoofs* repriparolas la ideon pri la unufrankaj propagandaj kartoj.

*S-ro Boffejon* altiras la atenton sur grava okazintaĵo kiu hieraŭ, la 3an de junio, okazis en Mehleno: Lia Kardinala Moŝto ĉefepiskopo Van Roey akceptis la Katolikajn Geesperantistojn.

*S-ro De Kelelaere* ĉeestis tiun ceremonion kaj mallonge raportas pri ĝi: tri personoj paroladis, la Kardinalo respondis ĝentile kaj akceptis diversajn librojn Esperantajn. La efiko de tiu ceremonio estos reciproka utilo por katolicismo kaj Esperanto.

*Loko de la estonta belga kongreso.* — F-ino Thooris demandas kie okazos la

proksimjara belga kongreso, ĉar estus utile tion scii jam de nun.

*S-ro Schoofs*: Tio dependas de invito. Nun jam venis iu invito el Spa.

*F-ino Thooris* estas kontenta pri Spa, sed se la afero sin montrus neebla ŝi jam invitas por iri Bruĝon.

*S-ro Petiau*: Ĉu oni akceptas Spa?

La kunveno akceptas.

*S-ro Schoofs*: La Ligestraro esploros tiun demandon kaj se proksimjare ni iros al Spa, post du jaroj ni iros al Bruĝo. Ni do tiel konus jam la kongresurbojn por la du venontaj jaroj!

*Bonhumoro.* La Prezidanto transdonas la parolvicon al Fraŭlino Yvonne Thooris por ke ŝi parolu pri « Bonhumoro ».

Nia bonega kaj simpatia samideanino pritraktis vigle kaj lerte la temon de la baldaŭ aperonta libro « Bonhumoro » tradukita de la franca teksto de la aŭtoro mem, D-ro Paul Nyssens, Profesoro pri homkulturo. Ŝi klarigis kiel estas eble memperfektiĝi laŭ tre simpla metodo; ŝi tion pruvis per ekzemploj ĉerpitaj el sia propra vivo, post studado de la sistemo Nyssens. Tiu aludo multe interesis la ĉeestantaron. Ĉu estas necese aldoni ke bonhumoro, kiu regis de l'komenco de la kongreso grade disvolviĝis post la klara resumo de tiu bonega, interesa, leginda libro? Ĉiuj certe volos akiri la povon kulturi bonhumoron en ĉiuj cirkonstancoj laŭ la rimedoj montritaj en la verko de nia eminenta samideano. Varme oni aplaŭdis F-inon Yvonne Thooris, kaj oni aklamis la aŭtoron, S-ron Paul Nyssens.

*S-ro Schoofs* per feliĉaj « bonhumoraj » vortoj dankis la parolintinon kaj fermis la kunsidon.

Nun parto el la partoprenintoj iris sur la Grandan Placon por la fotografado aŭ pli ĝuste por la fotografadoj, ĉar diversaj fotografistoj per siaj fotografiloj nin fotografis kaj refotografis laŭ diversaj lokoj de la Placo, unuj pli fotograffavoraj ol la aliaj...

---

Malgraŭ la varmegeco ni baldaŭ resurgrupis ĝis la duaetaĝa salonego de « La Cigno », kie, je la 13h.30, ni ekfestenis. En la daŭro de l' festeno la jenaj kutimaj toastoj estas diritaj: unue de S-ro Schoofs, al la Reĝo (Brabancono) kun propono de sendo de telegramo al nia Regnestro.

2e de S-ro Hector Boffejon al la eksterlandaj kongresanoj, kun respondo de [illegible]ro G. De Waardt, el Hilversum;

[illegible] de S-ro Charles Poupeye, al la Esperantistinoj, por kiuj respondis F-ino E. Kegeleirs;

4e de S-ro Prosper Van Genechten, al la belga Gazetaro, je kies nomo dankis kaj promesis pluan subtenon S-ro Maurice Jaumotte;

5e de S-ro Groverman ,al la membroj de la Organiza kongreskomitato, al kiu respondis F-ino M. Jennen, esprimante la dankon al ĉiuj kiuj venis. La multnombra ĉeesto estas la plej trafa danko al la organizintoj. (La Espero.)

---

Je la 17a h. okazis sub la prezido de S-ro Petiau, komitatano de UEA, la kunveno de la Belgaj UEA'anoj en la salono de la « Sako ».

Tiu kunveno okupis sin pri aktualaj demandoj de U.E.A. en nia lando. Post detala ekzameno de la situacio la kunveno unuanime konfirmis la decidon

de la kunveno lastjara (15an de Majo 1932), esprimante tiel sian volon, ke la unueco en la teritorio de UEA en Belgujo ne estu rompata, ĝi plie malaprobis la disigajn klopodojn de kelkaj membroj kaj petis ke la Estraro de UEA firme kaj klare difinu sian sintenon kontraŭ tiu disiga demando.

Je la 21a h. ĉiuj gekongresanoj reestis en « La Cigno » kie okazis tre bela festo, kun la kunlaborado de F-ino Tseretelli, tre lerta pianistino kiu sin montris grandtalenta artistino ludante Skerzon N-ro 2 op. 31 de Chopin, Koncertstudon de G. Pierné kaj bise, Valson de Chopin. F-ino Tseretelli, post ĉiu ludado estis tiel longe kaj entuziasme aklamata ke ŝi devis resaluti ĝis trifoje la publikon.

S-roj Boffejon kaj G. Van den Bossche prezentis « La Virino'n », spritan komedieton de Grénet-Dancourt, tradukitan de via servanto, kaj F-ino Thooris kun S-roj Poupeye kaj De Coster, filo, ludis tre lerte « Kuzeto'n », el pola lingvo tradukitan de S-ro Grenkamp. S-ino Elworthy deklamis kelkajn poeziaĵojn. Kompreneble « La Espero » estis ludata kaj kantata en la komenciĝo de la festo.

S-ro Schoofs dankis la tri sinjorinojn kaj oferis al ĉiu el ili donaceton.

Post la festo (organizita de la Belga festorganiza klubo) okazis multsukcesa dancado laŭ la bonege ritmitaj bruoj kaj harmoniaj fluegoj de la « White Flower Serenaders ».

LUNDON, LA 5an DE JUNIO.

Tre agrablaj estis la vagonara vojaĝeto ĝis Linkebeek kaj la kampara promenado en Pentrinda Brabanto; ĝi meritas sian nomon precipe dum bela suna tago kiel ĉi-tiu. Sed varma kaj soifdona ankaŭ ĝi estis; tial la gepromenantoj iris kelkmomente sidi en la ĝardeno de kampartrinkejo « In 't Hollekĵn » (Stranga nomo por gehonestuloj!) kaj fari tie grandegan honoron al limonadoj kaj al la bongusta « kriekenlambic ».

Je la 13a oni komune kaj vere ideale tagmanĝis sub la arboj de la « Laiterie de Fond'Roy », ideale tiom pro la freŝeco de l' loko kiom pro la bonegeco de l' manĝaĵoj, io kio incitis nian Prezidanton gratuli la hotelestron kaj promesi al li enskribon de lia hotelo inter la rekomendataj restoracioj en Belga Esperantisto, io kio valoras pli ol surbrusta pinglado de ordenkruco! Kaj intertempe nia tute gajigita kasisto ne ĉesis monpeti por « rondigi » sian kason, kanti Esperantajn kantojn kaj laŭdadi la meritojn de l'« Kriekenlambic »!

La anaro reprenis la « krurveturilon » kaj faris finpromenadon tra la belega arbaro, de kie okazis la reveno al la ĉefurbo, trame.

Adiaŭado. Disiĝo. Ĝis en Spa?

Esperebla, jes! L. COGEN.

---

## BELGA ESPERANTO-INSTITUTO,

Koopera Societo.

La Ordinara Ĝenerala Jarkunveno de la membroj okazos Dimanĉon, la 16an de Julio proksima je la 11a h. matene en la sidejo: Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit-Chien, Antverpeno. La tagordo enhavas i.a. la aprobon de la jarraporto, bilanco kaj kalkulo de profitoj kaj perdoj ĝis la 31a de Marto 1933 kaj la laŭstatutajn reelektojn.

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO.** — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo "**, s.s.p.c. — La 6an de Majo okazis, post la perfektiga duonhoro kaj la parolata ĵurnalo farita de S-ro J.J. Molenaar, la ĝenerala monata kunveno kaj diskuto pri senlaboreco, kiun enkondukis S-ro Ch. Van der Veken, kaj en kiu vigle partoprenis la ĉeestantoj. — La 13an : perfektigaj ekzercoj, parolata gazeto de F-ino J. Van Eynde, kaj tre amuza rakontada horo iniciatita kaj grandparte plenigita de S-ro Ch. Van der Veken. — La 16an komencis novan elementan kurson S-ro H. Vermuyten, kaj perfektigan kurson S-ro M. De Ketelaere. — La 20an, post la jam kutimaj kaj tre ŝatataj perfektigaj ekzercoj gviditaj de S-ro M. De Ketelaere, kaj parolata ĵurnalo de F-ino J. Dubois, komuna kantado, kiun bonege sukcesigis la lerta akompanado per fortepiano de S-ino Faes. — Dimanĉon la 20an multaj membroj tre ĝuis la bone sukcesintan ekskurson al Cappellenbosch. — La 27-an : perfektigaj ekzercoj kaj sprita parolata ĵurnalo de S-ro H. Sielens. Pro lastaj aranĝoj por la 22a Belga Kongreso, kiu okazos de la 3a ĝis la 5a de Junio en Bruselo, la intencita legado de teatraĵo ne povis okazi kaj estis prokrastata ĝis la 15a de Julio.

**AALST.** — **B.L.E. Sekcio Aalst-Alost.** — Dum la monatoj Majo kaj Junio, nia grupo regule kunvenis, kiel kutime, ĉiujn ĵaŭdojn. Tiu regula kunvenado, tiel malfacila dum somera tempo, sukcesis ne nur dank'al la bona volo de ĉiuj (kaj al la ...malsomera tempo) sed ankaŭ dank'al la programoj mem, kiuj estis tiel plenaj ke, ofte, parto el la anoncita programo devis esti forŝovita ĝis la sekvanta fojo.

La 11-an de Majo, F-ino Verspaille interesis nin per rakonto pri sia vojaĝo al Romo. La 18-an, S-roj Schouppe kaj Collin raportis pri la komitata kunveno de B.L.E., kiun ili ĉeestis kiel delegitoj de la grupo. Ni havis ankaŭ dum tiu monato bone sukcesintan letervesperon, kaj fine, je la 30-a, kelkaj el ni kunvenis, ekster la kutima kunventago, por interkonatiĝi kun du trapasantaj anglaj samideanoj.

La 1-an de Junio, post la necesaj informoj pri la nacia kongreso, ni ekdiskutis nian partoprenon al la okazonta komerca foiro, partopreno kiun ni iom ete dankas al la afableco de la loka Festkomitato, kiu metis je nia dispono lokon en la foirejo, senpage.

La 8-an, F-ino Verspaille rakontis kaj la sekretario raportis pri la Nacia Kongreso de Bruselo.

La 15-an, krom la daŭrigo de la aranĝoj pri la komerca foiro, ni havis la feliĉon ekscii ke, laŭ propono de la Prezidanto, nia lerta membro S-ro Roger Symoens gvidos la proksiman kuson.

**BRUĜO.** — **Bruĝa Grupo Esperantista.** — **Reĝa Societo.** — La 23-an de Majo okazis debata vespero pri la temo « Kial plenkreskuloj kaj infanoj amas dombestojn ». F-ino Yolande Hubrecht estis elektata per baloto kiel prezidantino de tiu debato. S-ro Jos. Decoster parolis kontraŭ, F-ino Yvonne Thooris por. Sekvis la diskutado en kiu partoprenis F-ino J. M. Van den Berghe, kaj S-roj Ch. Poupeye, G. E. Guillaume kaj G. Mestdagh. Entute interesa kunveno. — Dum la kunveno de la 30-a de majo okazis intima manifestacio je la

honoro de la grupa prezidantino F-ino Yvonne Thooris. Floroj estis al ŝi proponataj kaj kelkaj koraj dankvortoj elparolataj de F-ino M. J. Van den Berghe en la nomo de ĉiuj gelernintoj de la supera kurso, kiun F-ino Thooris tiel lerte gvidis. La festito emocie respondis kaj poste prezidis la unuan « Redaktan kaj Tradukan Vesperon ». Sama vespero okazos de nun ĉiumonate kaj celos instigi la grupanojn al kunverkado por nia liga organo.

La unua kunveno de junio (mardon 6-an) estis dediĉata al plena raportado pri la XXII-a Belga Kongreso de Esperanto en Bruselo. Raportis laŭvice: F-ino Yvonne Thooris, kaj S-roj Ch. Poupeye kaj Ch. Decoster. La kuraĝiga novaĵo pri la « Interkonsento de Genève » videble plezurigis ĉiujn.

Notinda fakto: Diversaj lokaj gazetoj raportis *propramove* pri nia kongreso. La bonega gazetara servo de la kongreso faris grandan efikon: la belaj raportoj en la ĉefurbaj kaj metropolaj gazetoj impresis ne nur la publikon, sed ankaŭ la provincajn gazetistojn. Tio montras certe gravan plitaŭgecon de la ĉefurbo kiel kongresloko.

Alia interesa kunveno estis tiu de la 13-a de junio, kun akcepto de samideano Karl Schmidt el Bochum, kiu vojaĝas per faldboato ĝis Dunkerque por ĉeesti tie la Nordregionan Kongreson. Li faris interesplenan paroladon pri siaj vojaĝoj kaj aventuroj.

**GENTO.** — La kunvenoj okazis regule ĉiumerkrede en la lernejo: 45, Nova Strato Sankta Petro je la 7a vespere. La kurso por komencantoj ĵus finiĝis kaj ekzameno okazas nun. La sukcesintoj ricevos premion kiel rekompencon por sia fervora lernado.

Dank'al F-ino De Cock, la kursgvidantino, stariĝis teatra sekcio, kiu nun lernas la teatraĵon de F-ino Flourens (Roksano) « La Fianĉiniĝo de Sovaĝulineto », ludotan dum propaganda festo okazonta en septembro proksima. Bonega rimedo por revivigi la grupon!

De la 12a de julio (libertempo) la kunvenoj okazos ĉiumerkrede je la 7a vespere ĉe la Sekretario: 60 Bulvardo Sankta Lievino. La grupanoj estas kore petataj ilin ĉeesti.

**LIEĜO-CHÊNÉE-SCLESSIN.** — Kiel ni anoncis en nia antaŭa kroniko, ni ĵus okazigis la ekzamenojn pri simpla kapableco por niaj kursanoj. La 18-an de majo ni juĝis la laborojn de lernantoj de « Cercle Polyglotte ». La 23-an en Lieĝo estas ekzamenitaj 2 kursanoj el lieĝa kurso kaj 1 el tiu de Chênée. En Sclessin okazis la konkurso la 26-an de majo por 12 kursanoj de Jemeppe kaj 6 de Sclessin. Fine, la 2-an de junio estas farita la sama laboro por 13 personoj el la kurso de Seraing kiuj, malgraŭ ke ili apartenas al privata entrepreno tute aparta de la nia, akceptis ankaŭ submetiĝi je niaj kondiĉoj.

Ĝenerale la rezultatoj estas bonegaj. El tiuj 35 kandidatoj ricevos la diplomon kun plej granda distingo 22, kun granda distingo 4, kun distingo 1, laŭ kontentiga maniero 7; malsukcesis nur 1 lernanto. Pliajn detalojn pri tio ni konigos en nia sekvonta komunikaĵo, en kiu ni raportos pri la diplomdisdono okazonta dimanĉon 2-an de julio proksima, je 10-a horo matene, en nia kutima kunvenejo: Grand Café du Centre, Place Cockerill, 2, Lieĝo.

Ni tamen de nun menciu speciale, gratulante kaj dankante ilin, nian profesoraron (F-inon Baiwir, S-rojn Dechesne, Ponthir kaj Thirifays), kies instrulerteco

ebligis tiajn bonajn rezultatojn, kaj ankaŭ nian junularon, enhavintan profesoraron kaj komitatanaron, kiu, krom la preparkunvenoj, kuraĝe deĵoris sub prezido de S-ro Turc dum ĉ. 5 horoj ĉiun ekzamenvesperon.

Male de kio okazis la antaŭajn jarojn, la kursanoj ne estas forlasitaj tuj post la konkursoj. Ili estas invititaj partopreni la grupajn perfektigajn kunsidojn, kiuj jam okazas en Chênée ĉiulunde je 7-a horo vespere ĉe F-ino Baiwir kaj en Sclessin ĉiuvendrede je 7-a horo vespere en lernejo de la Kastelo.

En Lieĝo kaj Seraing, la kunsidoj baldaŭ estos pretaj ankaŭ.

## NIA FAMILIA KRONIKO

### GRATULOJ

Al Gesinjoroj **Ch. Van der Veken-Van Bockel**, membroj de « La Verda Stelo », Antverpeno, pro la naskiĝo de ilia dua infaneto, filineto Hilda, je la unua de Majo.

Al S-ro **Willem De Koning**, membro de « La Verda Stelo » kaj al lia edzino, okaze de ilia duafoja geaviĝo, pro naskiĝo de ilia nepineto Anna, la 9an de Majo.

### NEKROLOGO

Ni prezentas niajn sincerajn kondolencojn:

Al S-ro **Léon Champy**, konstanta komitatano de Belga Ligo Esp. kaj al lia ŝatata familio, pro la morto de lia frato S-ro Auguste Champy, je la 3a de Majo.

Al F-inoj **Emilie** kaj **Rosa Boddaer**, membrinoj de « La Verda Stelo », kies patro mortis la 6an de Majo.

Al S-ro **M. Mage**, membro de « La Verda Stelo », pro la morto de lia patro.

## GRUPA KALENDARO

ANTVERPENO. — **Reĝa Esperanto-Grupo " La Verda Stelo ".** — Kunvenejo « De Witte Leeuw », Frankrijklei, 4, Avenue de France : ĉiusabate je 20 h. 30.

*Ĉiu sabata kunveno komenciĝas je la 20 h. 30 per kvaronhoro da lingvaj ekzercoj; alia duonhoro estas dediĉata al parolata ĵurnalo, kiun prezentas ĉiufoje alia membro.*

1 Julio: Diskutvespero pri la temo: « Kiel la Socio sin defendu kontraŭ la neobeantoj al la leĝo? », enkondukata de S-ro M. De Ketelaere.

8 Julio: Ĝenerala monata kunveno. Komuna kantado.

9 Julio: Ekskurso per aŭtobuso al BARAQUE FRAITURE (Andenne, Durbuy, B. Fraiture, Salm-Château, Vielsalm, Valo de Salm, Trois-Ponts, Hamoir, Valo de la Néblou, Ocquier, Huy). Forveturo de « Witte Leeuw » je la 7a h. matene. La prezo tre favora de tiu *eksterordinare bela ekskurso* estas *nur Fr. 65,—*. Rekomendinda ekskurso en tre rava parto de nia lando. Ne prokrastu aliĝi; nombro de lokoj limigita. Pagu al poŝtĉeko 726.54.

12 Julio: Kunveno de la Laborkomitato (en la sidejo: Kleine Hondstr., 11, je 21 h.)

15 Julio: Legado de teatraĵo.

22 Julio: Rakontada kaj amuza vespero.

29 Julio: Vortludoj.

5 Aŭg. : Ĝenerala monata kunveno. Komuna kantado.

12 Aŭg. : Anekdotoj.

19 Aŭg. : Raporto pri la 25a Universala Kongreso de Esperanto en Kolonjo.

26 Aŭg. : Disdono de diplomoj al la lernintoj el la kursoj de S-roj H. Vermuyten, M. Jaumotte kaj M. De Ketelaere.

27 Aŭg. : Ekskurso per aŭtobuso al Zoniën-arbaro—Forêt de Soignes. (Detaloj sekvos.)

AALST-ALOST. — **Sekcio de B.L.E.** — Kunvenejo « Burgershuis », Granda Placo. Ĉiuĵaŭde, je 20 h. 30.

29 Junio : Amuza vespero.

6 Jul. : Preparado de nia partopreno al la Komerca Foiro. Prez. F-ino Gits.

13 Jul. : Sama programo. Prez. S-ro Symoens.

20 Jul. : Starigo kaj aranĝo de nia stando.

27 Jul. : La membroj kunvenos en la Foirejo mem, por komuna fotografado.

BRUĜO. — **" Bruĝa Grupo Esperantista ", Reĝa Societo.** — Kunvenejo : « Oud Brugge », ĉiumarde 20 h.

2 Julio : (dimanĉon) je la 10-a sur la Granda Placo : Partopreno en la sekvantaro okaze de la Kolonia Tago.

4 Julio : Kanta vespero sub gvidado de F-inoj S. Weissenborn kaj A. Boereboom. — Dum la ripozoj : Poŝtmarka borso.

11 Julio : « Bonhumoro » laŭ la libro de Paul Nyssens. Parolado de F-ino Y. Thooris.

18 Julio : Literatura Vespero. Prez. S-ino M. Algrain.

25 Julio : Redakta kaj traduka vespero. Prez. S-ro Ch. Poupeye.

1 Aŭg. : Kanta vespero, sub gvidado de S-ino Ch. Poupeye kaj F-ino S. Weissenborn. Dum la ripozoj : Unuaj novaĵoj pri la Internacia Kongreso en Kolonjo.

8 Aŭg. : Raportado pri la Internacia Kongreso kaj « Literatura Vespero ». Prez. S-ro Ch. Poupeye.

15 Aŭg. : Festotago. — Ne okazos kunveno.

22 Aŭg. : « Surpriza Vespero ». Prezidos : « ? ».

29 Aŭg. : Redakta kaj traduka vespero. Prez. F-ino Y. Thooris.

N.-B. — Okaze de bela vetero iu el la kunvenoj de julio povos esti anstataŭata per vespera promenado. Dum julio okazos ekskurso(j) pri kiu(j) detaloj estos donataj dum la proksimaj kunvenoj.

BRUSELO. — **" Esperantista Brusela Grupo ".** — Kunvenejo : « Brasserie du Sac », Granda Placo, 4, ĉiulunde je la 20.30a h.

3 Julio : prezidos S-ro Ch. Lavisse.

10 Julio : prezidos F-ino Jennen.

17 Julio : prezidos D-ro Van der Biest.

24 Julio : prezidos S-ino Lavisse.

31 Julio : prezidos S-ro P. Hart.

La komitato esperas, ke la membroj per multnombra ĉeesto markos sian aprobon, tiom pli ke ĝi havas antaŭ si la taskon prilabori la propagandan agadon de la proksima vintra sezono. Konsiloj kaj helpo estos do bonvenaj.




De la Germana Esperanto-Asocio ni ricevis la ĉi suban komunikon:

## KOLONJO.

Proksimiĝas la tago de la Esperantista popolo! Kolonjo atendas la anojn de la Zamenhofa lingvo. La 25a Universala Kongreso certe okazos de la 29-VII ĝis la 5-VIII en la Rejna metropolo. Ĉu vi, kara leganto, jam aliĝis? Kial ne? Ĉu vi timas, ke Germanujo nun ne estas inda loko, por festi la 25-jaran jubileon de la E-kongresoj? Ĉu vi timas ke vi persone spertos malagrablaĵojn pro via nacieco aŭ raso? Kara kongresonto, vi tute ne havas kaŭzon, forresti la jubilean manifestacion! La vivo en Germanujo por ĉiu honesta homo ne estas endanĝerigita; ĉiutage eksterlandanoj konvinkiĝas per propra sperto, ke en Germanujo regas ordo kaj trankvilo. Do kara samlingvano, ne pli longe hezitu: aliĝu ankoraŭ hodiaŭ! La LKK streĉe laboris por via bonfarto; Kolonjo atendas vin!

Germana Esperanto-Asocio,
BEHRENDT. HABELLOK.

---

## ALVOKO DE LA PREZIDANTO DE I.C.K.

Je la 15a de Junio S-ro John Merchant, Prezidanto de I. C. K., subskribis alvokon, rekomendantan multnombran partoprenon en la 25a Universala Kongreso. La letero konkludas jene: « La kongreso nepre okazos. Eble ĝi havos iom alian aspekton al la antaŭj kongresoj. Ni ne povas ignori la realajn faktojn. La formo ne gravas ĉar la celo estas la ĉefafero. La kongreso certe estos sukceso. La vizitontoj sendube ricevos varman akcepton, de kiu ajn lando ili venu, kiun ajn lingvon ili parolu kaj kiun ajn religion ili favoru. »

---

Aliflanke ni donas ĉi-sube kopion de TELEGRAMO kiun recevis I.C.K. al letero, kiun ĝi skribis al la urbestraro de Kolonjo:

« *Esperantocentro Genève.* — Via ekspresletero dektria. Por okazigo Esperanto-mondkongreso en Kolonjo neniaj kontraŭstaraj konsideroj. Timo pri malfacilaĵoj aŭ ĝeno al invitataj eksterlandaj gastoj tute senbaza pro absolute ordigitaj internaj cirkonstancoj de tuta germanlando.

*Komisaria Ĉefurbestro de la urbo Kolonjo.* »

---

Je la 17a de Junio la nombro de aliĝintoj atingis 625.

La L.K.K. dissendis al la aliĝintoj la mendilojn pri loĝado kaj ekskursoj.

# LA AKVOGUTO.

*La duan semajnon de Junio la Ministerioj organizis Semajnon de la Akvo. Ĝia celo estis: klopodi por ke ĉiu pli bone konu kaj ŝatu la rolon de la akvo laŭ saneca kaj higiena vidpunkto, kaj propagandi la plej bonajn metodojn por eviti la malpurigon de la riveroj, lagoj, fontoj, tiom en la hejma kiom en la publika vivo.*

La laboro de la akvoguto sur la tero estas nekomparebla. Ĝi estigis kontinentojn, ĝi modifas ilin ĉiutage; la akvoguto, kiu rapide falas el alte, plenumas sian taskon; sur unu punkto de la globo ĝi vivigas kaj prosperigas naciojn; sur alia ĝi ŝanceligas rokojn, ĉirkaŭmordas terojn, kaj, konstruinte, ĝi detruas.

Ĝi premas sian signon sur nian tutan planedon. Tie ĉi, ĝi estas la feino bonfaranta; tie ĝi estas la genio de l' malbono. La akvoguto estas eble la forto la plej potenca de la naturo.

Kaj, efektive, sen ĝi, la vivo ne kapablus naskiĝi sur la supraĵo de nia planedo. Sen akvo, neniu aĵo, animala aŭ vegetala, povus ekzisti.

Kiom da aliformiĝoj ĝi spertis, la malgranda guto, de la tago kiam, elirinta el la fajro, kondensita, tiam distilita de la suno, ĝi ekvojaĝis tra la vivantaj organismoj! Ni ĉiuj laŭvice estas posedantoj de ĝi. Ĝi jam apartenis al la grandaj bestoj antaŭdiluvaj, ĝi vivigis la gigantajn filikojn de la praepokoj geologiaj; ĝi akiris sian liberecon, forflugis en la aeron por esti reekaptata... reprenata eble de iu birdeto, kiu trinkis ĝin tute freŝan sur la malseka musko. Kiu diros kie ĝi estis, kio ĝi fariĝis? Hieraŭ, en la korpo de Homero, en la ĉelaj teksaĵoj de Aristoto, en la vejnoj de la Cesaroj, en la ventro de baleno; hodiaŭ vi ĝin enfermas en via sango; morgaŭ ĝi ankoraŭ fugos: ĝi iros al Hindujo por subakvigi la herbejojn, revenos en Eŭropon por produktigi la terojn; ĝi iras, revenas, senĉese, nun tie ĉi, tiam tie; kaj ĉiam ni ĝin retrovas, en nia korpo, en tiu de la najbaro, purigitan, renovigitan iamaniere per la suna distilado. Post mil jaroj, post dumil jaroj, la sama akvo ĉiam ekzistos; ĝi estos trinkata de la estontaj generacioj. Kaj tiel ĉiame en la senfino de la tempoj.

Oni nun konscias, kiom da pensoj povas elvoki la vidon de la malgranda rosero briletanta sur sia verda piedestalo! Kiom da horizontoj kaj kiom da inspiroj por la poeto en tiu senfine malgranda io tiel senfine granda! Kiaj harmonioj en tiu verko tiel potenca de la kreaĵaro!

Ni vidis la malsekan guteton naskiĝi meze de la flamoj, laŭiri sian multokupan ekzistadon en la formo de vaporo kaj de akvo, kaj kvazaŭ eligi sian lastan spiron senmoviĝante en sia mortotuko el glacio; la materia restaĵo, kiel ĉio, kio estas materio, baldaŭ disiĝis, la elementoj reakiris sian liberecon por ree komenci novan ekzistadon kaj trakuri la ciklon de siaj sinsekvaj aliformiĝoj. Post la dormo, la revekiĝo; post la morto, la vivo. Ĉio estas metamorfozo.

Sed venos tago, kiam, disigita de la ĥemiaj efikoj de la tero, glaciigita per la malvarmiĝo, la akvo fine malaperos de la globo. Tiun tagon, nia mondo estos ekzistinta laŭ sia nuna formo. La tero estos mortinta por la organizita naturo.

Kaj tie, malproksime en la spacego, la loĝantoj de l' aliaj mondoj vidos la

teron radiigantan por lasta adiaŭo sian lumon dolĉan kaj arĝentumitan. Tiel ni nun vidas la lunon, sur la blua ĉielo, montri al ni la restaĵojn de sia pasinta ekzisto. Ĝi ne plu havas akvon nek vaporojn; ĝi ĉesis vivi. Kiel sia satelito, la tero estos iĝinta vastega tombejo, la tombejo de la sinsekvaj generacioj de tuta mondo. Tiu dolĉa kaj malgaja lumo iros tra la profundaj spacoj, de stelo al stelo, religi la ĉenon kiu kunigas la pasintecon kun la estanteco; ĝi estas la sola gardanto de brilegoj por ĉiam paliĝintaj. Griza kaj lasta memoraĵo de malaperinta mondo!

*El « Jeunesse » de la Ruĝa Kruco. Henri de Parville.*

Tradukis Frans SCHOOFS.

---

## MEMORAJO PRI BICIKLADO.

*(Fino)*

Mi devis konstati, ke li pravis. En malpli ol kvin minutoj, la ĉenkesto estis en du partoj, kuŝantaj sur la vojeto, kaj li kuŝis apud ĝi, serĉante la ŝraŭbojn. Li diris, ke estas ĉiam mistero, la maniero laŭ kiu ŝraŭboj malaperas.

Ni estis ankoraŭ serĉadante la ŝraŭbojn, kiam mia edzino elvenis el la domo. Ŝi ŝajnis surprizita, trovante nin tie; ŝi pensis, ke ni estis for jam de longe.

Li diris: Mi ĵus helpis vian edzon ekzameni sian biciklon. Estas bona maŝino, sed ĉiuj bezonas periodan travidadon.

Ethel diris: Se vi deziras lavi viajn manojn antaŭ ol foriri, bonvolu iri en la malantaŭan kuirejon. La servistinoj ĵus finis la purigon de la ĉambroj.

Ŝi diris ankaŭ ke, se ŝi renkontus Kate, ili verŝajne farus kune boatpromenadon; sed ke, ĉiuokaze, ŝi estos hejme je l' tagmanĝ-horo. Mi estus volonte doninta gineon por iri kun ŝi. Mi komencis sincere malŝati, tie stari, rigardante tiun frenezulon, rompi mian biciklon. Mia bonsenco murmuris al mi: Haltigu lin, antaŭ ol li faras plian detruadon. Vi havas la rajton, protekti vian havaĵon kontraŭ la difektigadojn de iu lunatiko. Prenu lin ĉe la kolo, kaj ĵetu lin eksteren.

Sed mi estas malvigla, kiam mi devas ofendi homojn, kaj mi lasis lin daŭrigi sian laboron. Li forlasis plian serĉadon de la ŝraŭboj. Li diris, ke ŝraŭboj havas la kutimon sin remontri, kiam oni malpleje atendas ilin, kaj ke nun li okupos sin pri la ĉeno mem. Unue, li streĉis ĝin, ĝis kiam ĝi tute ne plu povis movi; poste li malstreĉis ĝin, ĝis kiam ĝi estis dufoje pli libermova ol antaŭe.

Tiam li diris, ke ni eble povus remeti la radon en sian lokon. Mi tenis la forkon, malfermante ĝin, kaj li laboradis kun la rado. Post dek minutoj, li proponis ke ni ŝanĝu; ke li tenu la forkon kaj ke mi klopodu enmeti la radon; kaj ni ŝanĝis. Je l'fino de la unua minuto, li elfaligis la maŝinon kaj faris malgrandan promenadon en la ĝardeno, siaj manoj premitaj inter siaj genuoj. Promenadante, li klarigis ke oni devas ĉiam zorge eviti, meti siajn fingrojn inter la forko kaj la rado. Mi respondis, ke me estis konvinkita, per mia persona sperto, ke estis multe da vero en tio, kion li diris. Li rulis ĉifonon cirkaŭ sia fingro, kaj ni rekomencis. Fine, ni sukcesis havi la radon en sia taŭga loko, kaj ĵus kiam ĝi tie estis, li ekridegis.

Mi diris: Kio okazis? — Li diris: Nu, mi estas azeno.

Estis lia unua dirajo, kiu igis min respekti lin. Mi demandis, kio kondukis lin al tiu malkovro.

Li diris: Ni forgesis la globetojn.

Mi serĉis mian ĉapelon; ĝi kuŝis, supro malsupre, meze de la vojo, kaj la preferita hundo de mia edzino estis englutanta la globetojn tiel rapide kiel li povis ilin kapti.

Ĝi mortiĝos, kriis Ebbson, — mi neniam plu renkontis lin poste, dank'al Dio, sed mi pensas ke lia nomo estis Ebbson, — ili estas el ŝtalo.

Mi diris: Mi neniel timas pri la hundo. Ĝi jam havis ŝulaĉon kaj pakedon da kudriloj tiun-ĉi semajnon. La naturo mem estas la plej taŭga gvidanto; ŝajnas al mi ke hundetoj bezonas tiun specon de stimuliloj. Pri kio mi pensas estas mia biciklo.

Li havis optimistan spiriton. Li diris: Ni tutsimple remetos ĉiu'n globetojn, kiujn ni trovos, kaj esperos en Dio.

Ni trovis dekunu. Ni fiksis ses el ili je unu flanko kaj kvin je la alia, kaj post duonhoro la rado estis denove en sia loko. Estas eĉ tute ne necese, diri ke, nun, ĝi certe ŝanceliĝis; infano povis vidi tion. Ebbson diris, ke sufiĉas por la momento. Li ŝajnis iĝi iom laca, li ankaŭ. Se mi estus liberiginta lin je tiu momento, mi kredas ke li estus tuj reirinta hejmen. Sed nun, mi estis decidinta, ke li restu kaj finu sian laboron; ĉiuj pensoj pri veturado estis for de mi. Li estis mortiginta mian fierecon pri mia maŝino. Mi nur interesiĝis nun rigardante lin piketante, frapante kaj pinĉante sin. Mi revivigis sian dronantan spiriton per glaso da biero kaj per taŭga komplimento. Mi diris: Rigardi vin fari tion, estas tre utile por mi. Ne nur via lerteco kaj via sperto mirigas min, sed precipe via eksterordinara memfido kaj neklarigebla esperemo.

Tiel kuraĝita, li eklaboris por refiksigi la ĉenkeston. Li starigis la biciklon kontraŭ la domo, kaj laboris flanke. Poste, mi tenis ĝin, dum li kuŝis tere, la kapo inter la radoj, kaj laboris malsupre, kaj ricevis gutetojn da oleo en la vizaĝo. Poste li forprenis ĝin el miaj manoj, kaj faldis sin sur ĝi kiel sako da terpomoj, ĝis kiam li perdis sian ekvilibron kaj elglitis sur sia kapo. Trifoje li diris: Dank'al ĉielo, nun ĝi estas en ordo. Kaj dufoje li diris: Ne, ĝi ne jam estas. Tion, kion li diris la trian fojon, mi klopodas forgesi.

Tiam li perdis sian paciencon kaj iĝis maldolĉa. Mi konstatis kun plezuro, ke mia biciklo estis kuraĝa; kaj la postaj okazantajoj iĝis iom malpli ol vera batalo inter la viro kaj la maŝino. Je unu momento la maŝino kuŝis tere, kaj li sur la maŝino. Je alia momento, la pozicio estis mala: li sur la vojo, la biciklo sur li. De tempo al tempo li ekstaris, ruĝa de fiereco, la maŝino firme fiksita inter siaj kruroj. Sed lia triumfo estis ĉiam mallonga. Per subita, rapida moveto, ĝi liberigis sin kaj, turnante sin sur li, lin frapis akre sur la kapon, per unu el ĝiaj manteniloj.

Je l'kvarono antaŭ la unua, malpura, vundita kaj sangadanta, li diris: Mi pensas ke sufiĉos nun. Kaj li ekstaris kaj sekigis sian brovon.

La biciklo ŝajnis opinii same. Kiu el ili ambaŭ estis ricevinta la plimulton da vundoj, estus malfacile diri. Mi kondukis lin en la kuirejon, kie li purigis sin per ĉiaj eblaj iloj, kaj mi sendis lin hejmen. Li biciklon mi metis en veturilon kaj portis ĝin ĉe la plej proksima riparisto.

*El « Three Men on the Bummel » de Jerome K. Jerome.* Tradukis COLLIN.

# ESPERANTO-RADIO-PROGRAMO

**kompilita de Internacia Radio-Servo, komisiita de I.C.K.**

*Adreso:* Joh. JUNGFER, *Lindenstr. 10, Lübben (Spreewald), Germanujo*

**Mallongigoj:** *Dimanĉo: D; Lundo: L; Mardo: M; Merkredo: Mk; Ĵaŭdo: J; Vendredo: V; Sabato: S; ĉiun duan Mk: 2.Mk; neregule, nekonata aŭ necerte: n.*

*Pri temo, sendhoro, ondlongo kaj aliaj detalaĵoj donas informojn la naciaj Radio-gazetoj kaj « Heroldo de Esperanto ».*

**Radio-paroladoj en Esperanto:** Brno: S; Graz: J; Huizen: 2.S; Innsbruck: J; Kaunas: J; Klagenfurt: J; Krakow: 2.Mk; Leningrad: 2, 6, 9, 12, 16, 19, 22, 26 kaj 29 ĉiumonate; Lille P.T.T. Nord: D; Linz: J; Lyon-la-Doua: S; Karlskrona: n.; Marseille: 2.D; Minsk: n.; Salzburg: J; Tallinn: M; Tartu: M; Radio-Côte-d'Azur: V; Warszawa: 2.Mk; Wien: J; Zagreb: 2.S.

Ni atentigas pri la perradiaj prelegoj el la polaj stacioj ĉiun duan mekredon je 22 h. 35. Daŭro 20 min. La 31an de Majo, D-ro O. Bujwid parolis pri Kuracaj banlokoj en Polujo; la 14an de Junio, S-ro T. Hodakowski pri la Beleco de la pola muziko.

La proksimaj prelegoj okazos jene:

28 Junio: Prof. Lempicki pri « Scieco kaj klereco en Polujo »;

12 Julio: Prof. R. Wacek pri « Somero en Pollando »;

26 Julio: D-ro Odo Bujwid pri: « Esperanto kaj rolo de poloj en ĝia disvolvo »;

9 Aŭg.: S-ro Z. Sobolta (blindulo) pri « Protekto al blinduloj en Polujo ».

**Resumo pri la semajna programo en Esperanto:** Danzig: S; Heilsberg: S; Königsberg: S.

**Esperanto-kurso per Radio:** Lille P.T.T. Nord: D; Paris P.T.T.: J; Grenoble: J; Limoges: J; Radio-Côte-d'Azur: V; Le Hâvre: 2V; Ljubljana L; Genève: J; Huizen: M; Lyon-la-Doua: D; Radio-Lyon: D; Sottens: J

**Aŭskultu la Esperanto-dissendojn! Skribu al la Radio-sendstacioj!**

---

# MODERNA TRAFIKA REKLAMO DE HUNGARUJO

Hungarujo per ĉiuj rimedoj klopodas altiri interesitojn el la eksterlando por vizito kaj restado en la plej belaj lokoj de la lando. Per ekstreme arte presitaj bildpoŝtkartoj la reĝa hungara poŝto nun atentigas pri la karakterizaĵoj de la lando. Ĝi samtempe eluzas modernan trafikan reklamilon, jam aplikatan en aliaj landoj. La bildkartoj montras klarigan tekston en hungara kaj franca lingvoj. Por venki la lingvajn malhelpojn por ĉiuj ceteraj nacioj, la traduko de la klariga teksto estas krome aldonita en Esperanto sur ĉiuj 16 kartoj de la nova serio. Oni atendas la aperon de samspecaj eldonoj. Tiuj kartoj sendube efike helpos veki la intereson en eksterlando, viziti la sennombrajn belaĵojn de ĉi tiu karakteriza kaj gastigema lando.

# KONGRESO DE LA NORDFRANCA FEDERACIO DE ESPERANTO — DUNKERQUE 1--2 JULIO 1933.

## *Bela ekskurso por la belgaj esperantistoj.*

Kontakto kun alilandaj samideanoj estas tre dezirinda kaj ankaŭ ĝuoplena. Plej bona okazo por tio estas la universalaj kongresoj. Tamen ĉi tiujn ne povas ĉeesti ĉiuj precipe pro la grandaj elspezoj. Tial ni multe rekomendas la viziton al naciaj kaj regionaj kongresoj kiuj okazas en najbaraj landoj.

Kiel ni jam sciigis en nia unua nunjara kajero, okazo sin prezentas al la belgaj geamikoj: La esperantistoj de la Nordfranca federacio organizas sian kongreson en Dunkerko je la 1—2 Julio. Tre certe multaj belgoj ŝatos ĉeesti tiun feston, kiun partoprenos certe 300 personoj el Francujo, Britujo, Nederlando kaj Belgujo.

La belgaj fervojoj konsentas rabaton de 35 % al la partoprenantoj.

La programon, kiu estas tre alloga, ni presigas resume ĉi-sube:

*Sabate, 1an de Julio:*

6h.30 akcepto de la brita karavano en marstacidomo; matenmanĝo, vizito de la urbo. — 12 h. Tagmezmanĝo en Restoracio Trassaert (esperantista). — 13h.30 Oficialaj ekzamenoj de S.F.P.E.; lingvaj konkursoj. — 15h.30 Vizito de la haveno en trenŝipo. — Ĝis 18h.30 Liftiro sur la grenmazenon (40 m. alta): belega vido al urbo kaj haveno. — La ŝtata ĉefinĝeniero, Direktoro de la haveno zorgos mem pri tiu vizito. — 20h.30 Festeno en restoracio Trassaert; Interkonatiĝa festeto. — Balo, ĝis eble la 2a.

*Dimanĉe, 2an de Julio:*

8 h. Diservo kun prediko en Esperanto de Pastro De Coene, prezidanto de la Belga Esperantista Katolika Ligo. — 8h.30 Rapida vizito de la haveno, per aŭtoĉaro. — 10h.30 Laborkunsido de la Nordfranca Federacio (esperantlingve). — 12h.30 Oficiala akcepto de la Urbestro; ĝenerala fotografo. — 13h.15 en la Kazino en Malo-les-Bains, kontraŭ la marbordo. Grandioza festeno, saluto de la lokaj eminentuloj kaj urbestro. — 15 h. Deklamacioj, kantoj, spritaĵoj. Proklamo de la rezultatoj de la konkursoj kaj ekzamenoj. Solena disdono de la premioj al la membroj de la Federacio. Poste vizito de la banloko: amuzaĵoj laŭvole: bano, dancado, ktp. — 20 h. vespermanĝo.

*Lundo, 3an de Julio:*

Ekskursoj sub gvidado de lokaj samideanoj.

Kotizo: 10 fr.; vizito de la haveno: 5 fr. Sabata vesperfesteno: 15 fr. (inkl. trinkaĵon kaj trinkmonon). Dimanĉo tagfesteno: 20 fr. (inkl. same kaj trinkmonon).

Pri detaloj kaj aliĝoj: S-ro P. BENOIT, Oostduinkerke, Poŝtĉeko 545.74.

---

## DEZIRAS KORESPONDI:

S-ro Samojlenko, Moskvo 6, Bolschoj Karetni Per. 22, kv. 4, (Ruslando) pri poŝtmarkoj (interŝanĝo aŭ aĉetado).

F-ino Carmelita Dantos, Fazenda Garcia, 31, Bahia (Brazilo), deziras interŝanĝi poŝtkartojn ilustr., gazeton kaj poŝtmarkojn.

# Grava afero por la Esperantistaro Tutmonda. Skolta Esperantista Ligo.

La Esperantistaro de la estonteco estas la junularo de hodiaŭ. Tiun gravan fakton rekonis la Krakova Kongreso de Esperantistoj, kiam ĝi akceptis rezolucion pri propagando inter la plej grava junulara organizo en la tuta mondo — la Skolta Movado.

La Skolta Esperantista Ligo laboradis dum la pasintaj 14 jaroj preparante la vojon por la eventuala akcepto de nia lingvo ĉe la skoltaro.

La sukceso de la propagando de tiu Ligo estas montrita per la jenaj faktoj:

a) La Ligo estas *oficiale* rekonita de la Hungara Skoltasocio.

b) La Hungara kaj Belga Skoltasocioj starigis ĉiu oficialan Esperanto-Sekcion.

c) La Ligo nun havas pli ol 750 membroj (en 32 landoj) kaj estas pli ol 1000 skoltoj (nemembroj) kiuj ankaŭ scias la lingvon.

d) Fortaj Naciaj Sekcioj de la Ligo estis starigitaj en Hungarujo kaj Polujo.

e) La Ligo havas Agentojn en 19 landoj kiuj energie laboras por nia afero.

f) La ĝenerala opinio inter la estroj de la Skolta Movado nun estas pli favora ol iam.

Dum 1933 okazos Mondjamboreo por Skoltoj apud Budapest, kie kuniĝos 10.000 skoltoj el multaj landoj. La Estroj de la Movado ĉeestos, kaj la Centra Komitato de la Skolta Esperantista Ligo opinias ke NUN estas la tempo doni la plej gravan frapon ĝis nun faritan por la Esperanta Movado, per la atingo de nenio malpli ol la *oficiala aliĝo de la tuta Skolta Movado al Esperantismo.*

Ĉe la Jamboreo, ni unue devas montri la utilecon kaj *neceson* de la lingvo por la skoltaro, kaj poste — per starigo de fortaj Naciaj Sekcioj de nia Ligo — ni intencas insisti pri la neceso de Esperanto-Sekcio en *ĉiu Nacia* Skoltasocio.

Ĉe la Jamboreo, dank' al nia oficiala rekono de la Hungara Skoltasocio, ni havos la plej bonan ŝancon por propagando ĝis nun ricevitan. Ni esperas eldoni propagandilojn kaj specialan propagandan numeron de nia gazeto « Skolta Bulteno ». Eble ankaŭ la avizoj ĉe la Jamboreo estos en Esperanto kune kun aliaj naciaj lingvoj. Esperanto-Sekcio de la oficiala Jamboreo-Vortaro jam aperis.

*Kiel* povas helpi la Esperantistaro? Per du metodoj.

Unue, kaj precipe, per mondonaco al la Jamborea Propagando kaj al la Kapitalo de la Skolta Esperantista Ligo. Laŭ peto ni donos ĉiujn informojn pri la Kapitalo: kaj la Jamborea Propaganda Konto estas, kompreneble, por ebligi la eldonon de propagandiloj ĉe la Jamboreo. Estas URĜE kaj NECESE ke la Kapitalo de la Ligo ricevu *minimume* £ 1,000, kaj la Jamborea Propaganda Konto £ 40. Se tiuj sumoj ne estas ricevitaj, la tuta laboro de 14 jaroj povos esti nuligata pro manko da monrimedoj. La rentumo de la Kapitalo bezonata nur *jus* sufiĉos por la intensiva post-Jamborea propagando necesa por atingi nian celon: kaj la sumo menciita por propagando ĉe la Jamboreo nur sufiĉos por la minimuma propagando necesa por vekigi la intereson de la Skoltaro.

Ankaŭ necesas ke la Esperantistaro tutmonda starigu la plej fortan propagandon inter Skoltoj, kaj *speciale* inter tiuj kiuj ĉeestos la Jamboreon. Klopodu starigi kursojn por skoltoj en ĉiu urbo de via lando. La Nacia Agento de la

Skolta Esperantista Ligo certe helpos vin laŭ sia eblo, kaj mi certe sciigos al vi lian nomon kaj adreson.

Nia sukceso por la Esperanto-Movado dependas je ĉies helpo kaj subteno, kaj mi insiste petegas ke vi afable respondu al mia alvoko kaj helpu.

Kasisto de S. E. L.

23 East Dulwich Grove, Londono S.E. 22. Douglas H. DAVIS.

## MALAPERINTO.

Antaŭ proksimume unu jaro, la mondo estis ekkaptata de nekutima kaj efemera malsaĝo, kiu havis strangan nomon. Ĉiu svingis ĉe la ekstremaĵo de ŝnureto kuriozan kolorigitan bobenon. Estis la jojo, kies devenon oni klopodis retrovi en la malhelaj pratempoj, la jojo, kiu inspiris la kantet- kaj revuverkistojn, la jojo, kiu konsekris la reputacion de iuj virtuozoj — sed kiu memoras ankoraŭ pri Regal Concepción ? — la jojo, kiu kunhelpis, dum kelkaj monatoj, verŝi forgeson en la korojn de la popoloj.

Ni rememoru : ĉiu posedis sian jojon. Ĝi vibrosonegis je sia ŝnureto, sur la stratoj kaj en la oficejoj, en la salonoj kaj en la spektaklejoj. Ekzistis jojo eleganta kaj jojo proleta, jojo en pura indiana ligno kaj jojo vulgara. Ĉiu per ĝi ludis : la midineto kaj la oficisto, la infano kaj la maljunulo, la ministro kaj la impostpaganto. Estis triumfo, infektmalsano, opa halucinacio.

Kelkaj monatoj sufiĉis por ke tiu stranga ludileto estu malaperinta, kondamnita je forgeso. Devas ekzisti, en tirkestoj aŭ ŝrankoj, tombejoj de maldungitaj jojoj senmovaj ĉe la ekstremaĵo de ilia eluzita ŝnureto. Kie estas Regal Concepción? Kie estas la frenezetaj dancadoj de la lignaj bobenoj? Kaj kial devis okazi, ke realeco decide senindulga malhelpis al ni refali definitive en infanecon? PUCK.

*(El « Le Soir », trad. K. P.)*

## NENIAM

« Neniam » vi diris, dum ĉirkaŭ ni ambaŭ
Sonoris plendplena muziko Ŝubert'a
« Neniam » vi diris dum melankolio
En viaj lazuraj okuloj vidiĝis.

« Neniam » vi diris, dum pale kaj dolĉe
Ridetis vi kiel medajlo antikva.
Sed sento modesta de l'koraj trezoroj
Vin kovris, honteman, per vel' ruĝkolora.

Ho, kia parolo de vi, markizino!
Domaĝe! Pri am' parolante mi vidis
Nek ĉarman vizaĝon nek dian rideton!

Pli belan ol viaj okuloj, l'animon
Admiras mi : ĝin mi bedaŭras vidante
ke koro tiela fermiĝas je l'amo!

Traduko de *L. Cogen*. A. DE MUSSET.

# BONHUMORO

*La oficisto.* — Mi volus iri hodiaŭ posttagmeze al la enterigo de mia bopatrino, Sinjoro.

*La estro.* — Ankaŭ mi!

— Mario, kial vi rakontis al via mastrino, ke mi tiel malfrue revenis de la festeno hieraŭ?

— Mi ne diris al ŝi, je kioma horo vi revenis, Sinjoro. Mi simple diris, ke, ĉar mi estis okupata pri la matenmanĝo, mi ne rimarkis, kioma horo estis.

*La edzino:* Kio signifas tiu ruĝa haro sur via veŝto, Henriko?

*La edzo:* Multe da bruo, mia karulino.

INTER AMIKOJ. — Kiel vi fartas? Ĉu fine vi trovis situacion?

— Mi forlasis la jurnalismon kaj iĝis komercisto de mebloj.

— Ĉu vi vendis multajn?

— Ve! Ĝis nun nur la miajn.

DUOBLA SURPRIZO. — Subite sinjorino eniris la kuirejon kaj trovas la kuiristinon, trinkantan vinon el la botelo: vere, Viktorino, mi estas mirigita.

*Viktorino ne tro malkvietiĝinte:* Nu, kion diros mi, kiu kredis ke la sinjorino estis elirinta?

TERURA INFANO. — Kiun aĝon vi havas, Sinjorino?

— Sed, mia amiketo, tiun kiun mi aspektas...

— Ĉu tiom?

EN IU PENTRINDA VALO. — *La turisto:* De kio vivas la homoj ĉi tie?

*La veturigisto:* De siaj porkoj dum vintro kaj de la turistoj somere.

*S-ino Runabout:* Fine mi scias, kie mia edzo pasigas siajn vesperojn.

*S-ino Gossip:* Ĉu vere? Kiel vi faris por ekscii tion?

*S-ino Runabout:* Iun vesperon de pasinta semajno mi restis hejme, kaj li estis tie.

*La onklino:* Se patrino donus al vi grandan pomon kaj malgrandan, kiun vi donus al via frato?

— Al kiu frato? La granda aŭ la malgranda?

Bib sidas sur benko en la parko kaj atente legas libron. Bob alvenas kaj eksidas apud li.

— Kion vi legas?

— Gvidlibron pri Hindujo. Miaj monrimedoj ne permesas al mi, fari vojaĝon nunjare. Tial mi nur faras grandan vojaĝon enpense.

— Sed kial vi legas tiun libron de malantaŭe antaŭen?

— Nu, ĉar mi jam revenas.

# BIBLIOGRAFIO

*Verkoj, de kiuj ni ricevas unu ekzempleron, estas citataj sub ĉi tiu rubriko De tiuj, kiujn ni ricevas duekzemplere, ni publikigas recenzon.*

*Ĉiuj verkoj estas haveblaj ĉe Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno, Kleine Hondstraat, 11, rue du Petit Chien; poŝtĉeko n° 1689.58.*

*STEP BY STEP IN ESPERANTO. (Antaŭe: First steps in Esperanto.) A simple textbook and reader by Montagu C. Butler. For class teaching or home study. Eldono de British Esperanto Association. London. 12×19 cm. 244 paĝoj. Prezo: 1 ŝilingo 6 pencoj.*

Je malgranda prezo, la esperanto-studanto, kiu komprenas la anglan lingvon, ricevas per tiu ĉi eldonaĵo ampleksan kaj gradigitan instruon, kun bonega legaĵo serioza kaj humora aplikanta la pritraktitan gramatikaĵon, kun multega ekzerciga materialo. Ni konstatis kun iom da kunfrata simpatio ke la aŭtoro proponas klarigojn gramatikojn aŭ eĉ memorigilojn aŭ faciligilojn kiujn ni dum longjara instruado uzis. Ekz. paĝ. 187 la klarigo pri ĉiuj reguloj de l' akuzativo: « la litero N anstataŭas neesprimitan prepozicion »; ĉu « je » por la ordinara rekta komplemento, ĉu « al » por la direkto, ĉu « je » « en » « dum » k.c. por la aliaj kazoj. La aserto ke « kio » « tio » k. c. estas substantivoj ĉar ili finiĝas je « O », ne povas do difini alian substantivon, kaj ke ili mem estas difinitaj de adjektivoj. Tiel la lernantoj evitas la erarojn kiujn ankaŭ komencantaj flandroj emas fari: dat boek, tio libro, kaj krome ili facile kaptas la esprimojn: io bela, nenio nova. Sur paĝ. 111 ni ĝoje retrovas ankaŭ la simplan metodon por instrui la korektan elparolon de « sc ». Ekz. ne scias: dividu la konsonantojn s kaj c = ts, kaj aldonu parton al la unua vorto; do anstataŭ instrui ne stsias, diru nes tsias aŭ nest sias. Se la aplikado de tiu simplaĵo povus nin liberigi de la oftaj « mi tsias » kiujn oni devas aŭdi el la buŝo de eĉ kelkaj bonaj E-istoj. Ni varme rekomendas la verketon al ĉiu el la legantoj kiu iom estras la anglan lingvon. Li trovos en ĝi multajn aferojn kiujn oni ordinare ne renkontas en gravaj gramatikoj kiuj nur ripetas por la centa fojo ĉion jam diritan de la antaŭaj.

*SINJORO LAUDATO. Dediĉaĵoj al S-ro Onisabro Deguĉi de eksterlandaj samideanoj. Kompilita de Koogecu Niŝimura. Dua eldono. 200 paĝoj 18,5×12,5 cm. Tole bindita. Eldonis 1932: Oomoto-Propaganda Oficejo, Kameoka Kioto. Japanujo. Prezo nemontrita.*

*VIVO DE D-RO MARTIN LUTHER kun aldono: La malgranda kateĥismo. Verkita kaj tradukita de Pastro em. G. T. Löwe. 32-paĝa broŝuro 18×12,5 cm. Memeldono de la Verkinto: Radebeul-Dresden, Albertstrasse 18. Prezo: Rmk. 0,50.*

La libreto enhavas la vivpriskribon de Luther, en kiu la klarigoj pri la ĉie konata religia konflikto okupas la ĉefan lokon. La laŭ la antaŭparolo ne tiel konata «Malgranda Kateĥismo de D-ro Luther» okupas la trionon de la broŝuro. La Esperantotraduko estas simpla kaj klara. Bedaŭrinde kelkaj preseraroj, krajone korektitaj, ne plibeligas la aspekton de tiu dokumento.

*LA VARBILO. Organe trimestriel de diffusion de l'Esperanto. Unua Jaro. N-ro 1. 1er Trimestre 1933. 4 Paĝa gazeto. 39×28 cm. Propaganda gazeto france kaj Esperante redaktita. Adreso: 17, rue Lamotte-Piquet, Nantes (Loire-Inf.), Francujo. Abono: 4 fr. fr.*

*BIBLIOGRAFIA GAZETO. N-ro 1. 1933, Aperas kvaronjare. 16 paĝa 22×15 cm. Adreso: Mester ucca 53, V.7., Budapest, IX. Abonprezo: Svis. fr. 1,80 jare. Senpaga por abonantoj al Literatura Mondo kaj anoj de AELA. Enhavas precipe revuon pri la aperantaj libroj kaj gazetoj esperantaj.*

*LITERATURA MONDO. Majo 1933. 5a Numero. 16 paĝaj 30,5×22,5 cm. Enhavo: Kun Raymond Schwarz mi trinkis aperitivon. Dramo: Pli bone ol Venĝi. La Muŝo. Ĉu la Virino aŭ la tigro? Vojaĝo en Faremido. Dodo kaj liaj kvar patroj. Sangaj Ludoj. Observo. Poezioj: Antaŭ tempesto, Erik Adamsons, Estinta Vivo, Rondeloj, Sopiro, Aŭtuno.*

*GRAMOFONDISKO kun du muzikaĵoj en Esperanto: «Ario de l'Toreadoro» el Karmeno, kaj «Ario de l'Duko» el Rigoletto. Eldonita de Komercista Esperanto-Unio, Dresden-Radebeul. Prezo: Rm. 3,50.*

Post la bona vendiĝo de la disko n-ro 1 kun la himno «La Espero», la eldonintoj trovis la rimedojn por la fariĝo de tiu dua disko, kaj sukcesis interesi du kantistojn kun eksterordinaraj kapablo kaj famo, tiel ke la nuna disko nepre estas aĉetinda ne nur de Esperantistoj, sed ankaŭ de ĉiu gramofon-posedanto. Kantis la arion de la Duko S-ro Karl Jöken, de la Operejo el Berlino, kaj la arion de la Toreadoro S-ro Rudolf Watzke, fama koncertkantisto el Berlino. La prezo, laŭ la nuna monkurzo, estas B. fr. 30,—. Al ĉiu disko estas aldonata valorkupono de Rm. 0,50 valida por la projektita disko n-ro 3. Mendojn akceptas Belga Esperanto-Instituto, Antverpeno. Poŝtĉeko 1689.58.

*POUR SE FAIRE COMPRENDRE DANS LE MONDE ENTIER, okpaĝa franclingva varbilo, el la nova serio eldonata de U.E.A.*

*Havebla ĉe LA TRIBUNE ESPERANTISTE, rue Pougin 12, Montigny-les-Metz, Francujo. Prezo: 1,50 fr. fr. (eksterl. 2,—) po 10 ekz. kaj 13,50 fr. fr. (eksterl.: 16,—) po 100 ekz.*

*LEA VORTARO ESPERANTO-DEUTSCH. Laborista Esperanto Asocio, por la germanlingvaj teritorioj. Laŭ komisio de lingva komisiono de GLE kompilis H. Nonnenmann, redaktis kaj kompletigis D-ro H. Muravkin. Eldonis GLEA, Berlin 1933. 144 Paĝoj. 12,5 × 17,5 cm. Prezo: Gmk. 1.—.*

La antaŭvorto diras, ke la libro servas al la bezonoj de la ĉiutaga praktiko de la laborista movado, de la kolektiva internacia laborista kaj terkulturista korespondado. «La ĝis nun aperintaj burĝaj vortaroj estas tiurilate tute malkontentigaj, ĉar unue ilia vort-«eksplikado» estas ideologie burĝa, ne marksisma... ili reakcie ignoras progresajn lingvoformojn eĉ jam vaste aplikatajn en la praktiko (ekz. finaĵo io)». Tiel ni trovas la formojn administria apud administracio, aritmetio apud aritmetiko, botanio apud botaniko, gimnastio apud gimnastiko, didaktio apud didaktiko, profilaktio apud profilaktiko, kosmetio apud kosmetiko. Logike daŭrigante, ni atendis, sed ne trovis fizio por fiziko, ankaŭ ne metafizio por metafiziko, tre strange ne la tre konatajn kaj uzitajn formojn telegrafio, telefonio, stereotipio, kinematografio. Ni ankaŭ ne trovis la supozeblajn formojn teknio por tekniko, praktio por praktiko, lirio por liriko, etio por etiko, politio por politiko, polemio por polemiko. Kio montros al la laboristoj kiam ili uzu la finaĵon «iko» aŭ «io». Krom tio ni trovas la formojn butro, kvaze, ant, ĉirk, kvazaŭ la formoj butero, kvazaŭ, antaŭ, ĉirkaŭ, ktp. ne bone ludas sian rolon. En la frazo: «agu, kvazaŭ mi ĉeestis», mi eĉ ne kapablas diri «agu, kvaze mi ĉeestus», ĉar la vorto tute ne estas adverbo sed konjunkcio. Entute la vortaro donas al ni la konfuzan bildon de senorda laborado. Sed, ni lernas ke «klasaneco obligas» traduko «Klassenzugehörigkeit verpflichtet». Verdire, ĉiam la sama povas esti konstatata: la simpleco estas multe pli malfacile atingebla ol komplikeco. Tion jam spertis D-ro Zamenhof; nur finfine li alvenis al simpleco, la supera eleganteco kaj perfekteco. Komplikeco devenas ordinare de ne klaraj ideoj. Precipe por laboristaj rondoj simpleco estas deviga se ne «obliga». Ekzemplo plia: ŝajnas ke la vorto «apartigi» ne plu sufiĉas. Oni bezonas la radikon «separ». Mi havas do tute simple de tio, separi-apartigi, separo-apartigo, separita-apartigita. En la vortaro, mi trovas separIGita. Jen kion oni faras el la facila Esperanto.

*BINGEN, la malnova Rejnurbo kaj urbo por vinkulturado. — Sespaĝa faldfolio ilustrita eldonita de la magistrato de la urbo. La Esperanta grupo de Bingen petas, ke kiom eble plej multe da samideanoj petu kiel eble plej baldaŭ ekzempleron, kiun senpage sendos al ili la «Magistrato Bingen/Rhein» (Germanujo).*

---

Presejo de Belga Esperanto-Instituto, K. S. — ANTVERPENO.